# PENSEO

**N-ro 295**

**majo / 2016**

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski, 1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 27-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Anteo (Ĉinujo)



### superstiĉo

anasido nomas kokon patro
kaj lernadas de ĝi kokerikon.
kiam la sekvanto enamiĝas,
la kriado ne havas efikon.



2013.03.22

### silento

ofte mi aŭdas nur mian ombron.
tro da homoj kiel arboj kovras la okulojn.
paŝoj kaj gestoj neniam ĉesas,
sed la buŝoj neapertaj eskapas orelojn.

2013.03.23

### nokto okupita

post intravejna perfuzo hora
mi savis knabinon el lago kun salo.
grimpante muron per ŝtrumpoŝelko,
mi kaj ino preskaŭ mortis pro ŝtonfalo.

2013.03.25

### inter terano kaj alistelanino

ni renkontiĝis malgraŭ foro de lumjaroj,
danke al kaŝaj ondoj kaj gravito forta.
tagnokte sub avidaj fingroj ni babilas
pri enta minustuŝo kaj nasko pervorta.

2013.03.30

## Mori (Usono)



### AFORISMoj(13)

Vivo
sen idealo
estas vivo de
animalo!

***

Kiam al saĝuloj
mankas kuraĝo
kaj al kuraĝuloj
mankas saĝo ,
ĉiuj kunvivas
en granda kaĝo!

***

Tie, kie malfortas
Humana moralo
tie regadas
la leĝoj de ĝangalo!

***

Tiu, kiu dancas
laŭ ĉies tamburoj
ne estas reganto
de siaj kruroj!

***

Kiu subpremas homojn
en la nomo de Dio
estas fripono
kiu kredas je nenio!

***

La plej danĝera idioto,
estas la idioto,

kiu estss patrioto.

***

Se vi volas servi la landon,
estu patrioto,
se vi volas servi la registaron
estu idioto!

***

La plej grava
Volo
estas tiu de
popolo!

***

Ĝirafo
se vidus sian kol-eg-on,
ne primokus
sian kolegon!

***

Homo
Sen humana moralo
estas eleganta animalo!

***

Fiŝo bonfartas
kiam bonfartas la maro,
Homo bonfartas
kiam bonfartas homaro!

***

Kiel povus regi despotoj
sen la helpo de
egoistaj idiotoj!

***

Modestaj estas
la noblaj gravuloj,
la ceteraj estas
grav-mienaj Nuloj!



## Cezar (Germanujo)



### Granda estas...

Granda ne estas perforto,
sed zorgemo, solidareco
kaj amo.

Ne la armitaj detruantoj
estas grandaj,
kiuj ĵetas bombojn
el sekura distanco
sur sendefendulojn.

Granda estas
la brava soldato Ŝvejk,
kiu kun sia rezista humuro
senarmigas armeojn.

Granda estas, se la kanonoj en muzeoj
pace ronkas en eterna dormo.



Grandaj estas
la konstruantoj,
la kreantoj
kaj tiuj,
kiu konservas
konservindan.

Grandaj estas
la silentaj ondantaj
tritikokampoj,
el kiuj fariĝos
pano.

Granda estas la rideto de homo,
se li sentas sin amata.

Granda estas la silento,
kiu ne estas perfido,
sed jesigo de la komuneco,
kiu ne bezonas multajn vortojn.

Granda estas,
se la aferoj kaj aĵoj
moviĝas kvazaŭ per si mem.

Grandaj estas sapvezikoj,
kiuj respegulas la mondon,
nuboŝafoj en blua ĉielo
aŭ mesaĝoboteloj tute solaj
en granda maro.

Granda estas,
se ĉe la starigo de neĝoviro,
pro pura ĝojo neniu pensas pri tio,
ĉu la neĝoviro utilas,
ĉar ĝi baldaŭ disfluos,
se varmiĝos.

Granda estas tio, kio estas
preskaŭ nerimarkebla,
kvankam ĝi tenas
la mondon en balanco.

## Paŭlo Silas (Brazilo)



**KURAĜO**

Ilia estmaniero konfuzon trovis
Post kiam spiti kutimon kuraĝe provis.
Haltis ege zorgeme ĉe punkto fina,
Demandante, kun voĉoton’ kvazaŭ himna,

Ĉu povas iĝi kaduka kaj malkutima,
Hieraŭa konduto. Ĉu eblas solvi
La dilemon eksteran, samtempe sinan...
Ĉu eblas limon tiean, kun pen’, formovi?

Unu paŝon antaŭen aldoni forte.
Ŝajnas, ke la piedo nun estas for de
La korpstruktur’, per egalpez’, plej nete stara.

La alian piedon irigi poste.
Ĉi kuraĝ', en pesil’, pezas multekoste.
Akreco klinga vin tranĉas per falĉ’ fatala.

## Lenke Szász



**Maja sonĝo**

Ŝvebas ĉie de floroj
la dolĉa bonodoro
eĉ super la tomboj…

Ĉu ankaŭ Vi,
same kiel mi,
ne povis dormi?
Kvazaŭ en paŭzo
dum la eterna morto,
Vi revenis al mi,
en sonĝo.

Kune ni sidis sur benko
ŝultron mi apogis al via ŝultro,
kaj diris al vi kun rideto:
Ni estas nur konatuloj.
Ankaŭ vi ridetis,
ja ni ne rajtas esti geamantoj,
ni trompas la preterpasantojn.

Mi rigardis vin kun amo,
kaj ame vi rigardis min,
nenio pli.
Feliĉa mi estis – en sonĝo.

## William Blake (1757 —1827)



**Amĝarden’**

Kion mi vidis reen al l’Amĝarden’
tion ne iam antaŭe vidis mi :
Oni kapelon konstruis en la mez’,

verda lok' kiam mi ludis , tie ĉi .

Kaj tute fermita staris la Kapel' ,
kaj "Vi ne rajtas." legiĝis ĉe l' frontpord',
do mi flankenrigardis al l'Amĝarden'
por mildaj floroj iamaj ĝis la bord' .

Kaj ĉie tomboj nur troviĝis
kaj tombŝtonoj anstataŭ floroj ...
Kaj Pastroj, nigratalare, siajn rondojn decefare,
miajn sonĝojn kun erik' post si lasis en
implik' .

*Esperantigis*



## Ŭel Roŝa (Brazilo)

## Yu Guobao*



*Laŭ melodio Vento Tra Pinoj*

Printempe mi ofte elspezis pro florpago,
kaj ebriis ĉe lagbordo tagon post tago.
La ĉevalo bone konas vojon de lago,
henante pasas preter la drinkeja flago.
Tra abrikota arom' tambura atako.
En salika ombro flugas trapeza vago.
Blovas varma vent' el belulina vicaro.
kaj floroj subpremas sur ilia hararo.
Forportas printempon boato kun remknaro,
restigante ĝojon al nebul' akvoklaro.
Morgaŭ mi kun restanta ebria gargaro,
revenu por serĉi harpinglojn sur kamparo.



**sen preciza dato pri lia vivo, lia ci-o Vento tra Pinoj plaĉas al la imperiestro Song Gaozong.*

*Elĉinigis*



## Guozhu (Ĉinujo)

2016-04-21

## Andrés Eloy Blanco (1896-1955)



# LA REZIGNO

Mi vin rezignis. Estis ja neeble.
Estis vaporoj de la fantazi';
estas fikcioj kiuj al la malireblo
proksimon foje donas malproksiman.

Mi restis rigardanta kiel la rivero
estis gravediĝanta el la stel'...
al ĝi mi mergis la manojn freneze
kaj sciis ke la stelo estas supre"…

Pri vi rezignis mi, tute serene,
kiel pri Di' rezignas deliktulo;
mi vin rezignis kiel l' almozulo
kiu sin kaŝas de la olda amiko;
samkiel kiu vidas grandajn ŝipojn
foriri al neeblaj, sopirataj kontinentoj;
kiel la hundo kiu estingas l' amajn emojn
kiam hundego ĝin minacas per la dentoj;
kiel marist' kiu rezignas pri l' haven'
kaj la vaganta ŝip' rezigne de lumturo,
kaj kiel la blindul' ĉe libro aperta,
kaj l' infan' malriĉa antaŭ ludilo kara.

Pri vi rezignas mi, kiel rezignas
la frenezul' pri vort' dirata de li mem;
kiel tiuj aŭtunaj friponetoj,
senmovokulaj kaj je vakaj manoj
kiuj vualas la rezignon, blovante la kristalojn
en la montro-fenestroj de la konfitejoj…

Mi vin rezignis, kaj ĉiumomente
ni iom rezignas kion antaŭe amis

kaj fine, kiomfoje la dezir' malkreska
petas pecon el kio antaŭe ni estis!

Mi aliras al mia nivel'. Jam mi trankvilas.
Rezigninte ĉion, mi mastros al mi mem;
malfarante puntojn mi revenos al la fadeno.
La rezigno estas el la revo la reveno…

*Venezuela poeto

*Elhispanigis*



**Andrés Turrisi**
**(Italujo)**

## Zhuangzi (369-286 a.K)



Zhuangzi

## ĈAPITRO SESA

# La plej respektinda instruisto

### §06-01

Scii, kion la Ĉielo povas fari, kaj scii, kion la homo povas fari — jen la plej alta homa scio. Scii, kion la Ĉielo povas fari, estas scii, ke ĉio venas de la Ĉielo. Scii, kion la homo povas fari, estas scii uzi, kion li scias per sia inteligento, por nutri, kion li ne scias. Tiele li povas konservi sian vivon ĝis la natura morto kaj eviti eventualan antaŭmaturan morton. Tio estas la kulmino de la homa sciado.

Kaj tamen ekzistas ankoraŭ unu problemo, nome: ĉiu scio devas esti bazita sur io por esti vera, sed tiu "io" ja estas malstabila. Kiel do ni povas scii ke tio, kion ni konsideras farita de la homo, ne estas tio, kion ni konsideras farita de la Ĉielo? Kiel do ni povas scii ke tio, kion ni konsideras farita de la Ĉielo, ne estas tio, kion ni konsideras farita de la homo?

Do devas ekzisti la vera homo antaŭ ol estiĝas veraj scioj. Sed kio estas la vera homo? La vera homo en la antikveco ne subpremis la malfortajn kaj malplimultajn, nek paradis per siaj sukcesoj, nek faris planojn por atingi siajn celojn. Li ne havis bedaŭron tiam, kiam li faris eraron; li ne sentis sin tre fiera tiam, kiam li sukcesis. Li ne havis kapturnon tiam, kiam li supreniris sur altejon; li ne sentis malvarmon tiam, kiam li ĵetis sin en akvon; li ne sentis brulon tiam, kiam li ĵetis sin en fajron. Ĉio ĉi tio povas esti atingita nur de iu, kies sciado proksimiĝas al la Taŭo.

La vera homo en la antikveco ne sonĝis tiam, kiam li dormis; li ne maltrankviliĝis tiam, kiam li vekiĝis; li estis indiferenta por la gustoj tiam, kiam li manĝis; li faris profundajn spirojn tiam, kiam li spiradis. Lia spiro estis tirata supren ekde la kalkanoj, dum la spiro de ordinaruloj tra la gorĝo. Kiam ili estis venkitaj en disputado, ili murmuris en sia gorĝo, kvazaŭ ili volus vomi. Homoj kun nesatigebla avideco kaj tro fortaj deziroj estas malprofundaj kaj supraĵaj en sia naturdoto.

La vera homo en la antikveco konis nek la ĝojon de la vivo, nek la malĝojon de la morto. Li ne estis ekzaltita tiam, kiam li naskiĝis; li ne sentis timon tiam, kiam li mortis. Senzorge li foriris al alia mondo; senzorge li revenis al tiu ĉi mondo. Li ne forgesis la originon de sia vivo; li ne esploris la destinitan finon de sia vivo. Kun ĝojo li akceptis ĉion, kio venis al lia vivo; li direktis neniajn pensojn al la vivo kaj la morto, pacience atendante sian revenon al la naturo. Li ne difektis la Taŭon per sia menso, nek pretendis helpi la naturon per siaj penoj. Jen kia estis la vera homo.

Estante tia, li havis menson liberan de ĉiaj pensoj. Lia mieno estis kvieta kaj lia frunto larĝa. Li estis severa kiel aŭtuno kaj milde varma kiel printempo. Lia ĝojo kaj kolero sin manifestis laŭ la ritmo de la kvar sezonoj. Li sciis adapti sin al ĉiuj estaĵoj en la mondo, sed li estis nesondebla por ĉiuj aliaj.

Tial, kiam la saĝulo kondukas militon, li povas detrui regnon sen perdi la subtenon de la popolo. Li povas superŝuti la mondon per favoroj, kiuj daŭras mil generaciojn, mem ne estante amanto de la popolo. Tial tiu, kiu penas kunfandiĝi kun aliaj, ne estas saĝulo; tiu, kiu montras partiecon al iu, ne estas favoranto; tiu, kiu ne scias profiti de la okazoj, ne estas homo sagaca; tiu,

kiu ne konas la identecon de la utilo kun la malutilo, ne estas homo eminenta; tiu, kiu perdas sian personecon en la ĉasado de la famo, ne estas klerulo; tiu, kiu ne konservas sin mem kaj sian naturon, ne estas mastro. Tiaj homoj, kiaj estas Hu Boxue, Wu Guang, Bo Yi, Shu Qi, Ji Zi, Xu Yu, Ji Ta, Shentu Di, ĉiuj servis respektive sian mastron. Ili laboris por kontentigi aliajn, neniam por plezurigi sin mem.

La vera homo en la antikveco havis mienon imponan, sed li ne estis aroganta. Li aspektis tiel, kvazaŭ al li mankus io en lia memkulturado, sed li havis nenian bezonon fari kompletigon. Li estis mense memstara, sed ne obstina; li estis senantaŭjuĝa, sed ne fanfaronema. li aspekte ridetis kun ĝojo, kaj ĉiam reagis spontanee, sed kvazaŭ malgraŭvole. Lia afableco faris lin tre kara al la popolo; lia toleremo altiris la popolon al lia virto; lia larĝa spirito similis la vastan mondon. Li estis tiel memŝatema, kvazaŭ li estus libera de ĉiaj konvencioj; li estis tiel rezerviĝema, kvazaŭ li izolus sin de la mondo; li estis tiel distriĝema, kvazaŭ li forgesus la vortojn sur la langopinto.

Li prenis la kriminalajn leĝojn kiel la ĉefsubtenilon de la regado, la etiketajn kodojn kiel ĝiajn helpajn alojn, la saĝecon kiel alirejon al okazoj, la moralecon kiel gvidilon de konduto. Preni la kriminalajn leĝojn kiel la ĉefsubtenilon de la regado signifas esti indulga en ekzekutoj; preni la etiketajn kodojn kiel la helpajn alojn de regado signifas sekvi la konvenciojn; preni la saĝecon kiel alirejon al okazoj signifas lasi aferojn sekvi sian naturan vojon; preni la moralecon kiel gvidilon de konduto signifas supreniri sur la altaĵon kune kun tiuj, kiuj lertas en grimpado. Tial la Ĉielo kaj la homo estas Unu — tute egale, ĉu oni ĝin amas aŭ ne amas, ĉu oni tiel pensas aŭ ne tiel pensas. Tiu, kiu pensas en tia maniero, estas kun la Ĉielo; tiu, kiu ne pensas en tia maniero, estas kun la homo. Tiu, kiu pensas, ke la Ĉielo kaj la homo ne kontraŭstaras unu al la alia, estas vera homo.

La morto kaj la vivo estas destinitaj. Ili sin intersekvas, same kiel la nokto kaj la tago eterne alternas — natura irado de la estaĵoj. La homo ne havas la povon ĝin regi, nek ŝanĝi. Tio estas vera por ĉiuj estaĵoj en la mondo.

Se la homoj prenas la Ĉielon kiel sian patron kaj amas ĝin dum la vivo, kiel do tio, kio estas supera al ĝi ne meritus ilian amon? Se la homoj rigardas la reĝon kiel sian reganton kaj volonte oferas sian vivon pro li, kiel do la vera reganto (la Taŭo) ne meritus iliajn oferojn?

Kiam la fontoj estas sekiĝintaj, la fiŝoj amase restas sur la tero, humidigante unu alian per sia spirado kaj malseketigante unu alian per sia salivo. Sed estus multe pli bone por ili vivi en la riveroj kaj lagoj, sin forgesante reciproke. Anstataŭ laŭdi la reĝon Yao kaj mallaŭdi la reĝon Jie, oni prefere forgesu ilin ambaŭ.

La granda tero dotis min per korpo, por ke mi loĝu en ĝi, ŝvite laborigas min, por ke mi min vivtenu, donas al mi maljunecon, por ke mi ĝuu la vivon senstreĉe kaj senzorge, kaj proponos al mi ripozejon, kiam mi mortos. Tial, bona estas la vivo, kaj bona ankaŭ la morto.

Se la boato estas kaŝita en ravino kaj la fiŝreto estas kaŝita en marĉo, oni povas diri, ke tio estas sufiĉe sekura. Sed en nokto iu fortulo povas veni kaj forporti ilin sur sia dorso, dume la dormanta posedanto tion tute ne scias. Kaŝi ion malgrandan en io granda estas sufiĉe prudente, sed malgraŭ tio ĉiam ekzistas la ebleco perdi ĝin. Kaŝi la mondon en la mondo kaj la mondo neniam estos perdita — tio estas la eterna vero. La Taŭo dotas la homon per lia korpo, kaj la homo trovas en ĝi ĝojon. Ĉar la korpa formo trapasas senfinan transformiĝadon, la ĝojoj certe estas sennombraj. Tial la saĝulo loĝas en la Taŭo, kie nenio perdiĝos, kaj vivos kun ĝi por ĉiam. Se tiu, kiu trovas egale bona la junecon aŭ la maljunecon, la vivon aŭ la morton, meritas esti imitata de la aliaj, — kiel multe pli sekvinda do estas la Taŭo, de kiu dependas la ekzistado kaj la ŝanĝiĝado de ĉiuj estaĵoj en la mondo!

La Taŭo estas realaĵo, kiu havas sian substancon, senaga kaj senforma. Ĝi povas esti transdonata per la koro, sed ne instruata per buŝaj vortoj; ĝi povas esti atingita per la koro, sed ne vidata per la okuloj. Ĝi mem estas sia propra fonto kaj sia propra radiko, ĉiam ekzistanta ekde la tempo antaŭ ol estiĝis la ĉielo kaj la tero. Ĝi estigas spiritojn kaj diojn; ĝi aperigas la ĉielon kaj la teron. Ĝi estas super la zenito, sed ĝi

ŝajnas ne alta. Ĝi estas sub la nadiro, sed ĝi ŝajnas ne malalta; ĝi estiĝis antaŭ ol la ĉielo kaj la tero, sed la daŭro ŝajnas ne longa; ĝi ekzistis tie jam antaŭ la tempo nememorebla, sed ĝi ŝajnas ne maljuna.

Shiwei atingis la Taŭon, kaj per ĝi li ordigis la ĉielon kaj la teron; Fuxi atingis ĝin, kaj per ĝi li harmoniigis la principon de la kosma energio; la Granda Ĉerpilo (la Granda Ursino) atingis ĝin, kaj tiel ĝi fiksis sian pozicion sur la firmamento; la suno kaj la luno atingis ĝin, kaj tiel ili certigis sian eternan movadon; Kanpei atingis ĝin, kaj tiel li fariĝis la dio de la montaro Kunlun; Fengyi atingis ĝin, kaj li fariĝis la dio de la Flava Rivero; Jianwu atingis ĝin, kaj tiel li fariĝis la dio de la monto Tai; la Flava Imperiestro atingis ĝin, kaj tiel li supreniris al la ĉielo vualita per nuboj; Zhuanxu atingis ĝin, kaj tiel li fariĝis la reĝo de la Nordo; Yuqiang atingis ĝin, kaj tiel li fariĝis la dio de la Norda Maro; la Reĝino-Patrino de la Okcidento atingis ĝin, kaj tiel ŝi ekhavis sian seĝon en la palaco sur la monto Shaoguang por ĉiam kaj por eterne; Pengzu atingis ĝin, kaj tiel li vivis longan vivon ekde la tempo de la reĝo Shun ĝis la tempo de la Kvin Princoj; Fuyue atingis ĝin, kaj tiel li fariĝis la ĉefministro de la reĝo Wuding por helpi al tiu bone regi super la mondo kaj, post sia morto, suprenirinte al la Lakta Vojo kaj rajdante sur Sagitario kaj Skorpio, egaligis sin al la steloj de la ĉielo.

*Elĉinigis*



**Wang Chongfang (Ĉinujo)**

# Ĉineske

## Vejdo (Ĉinujo)



# Pluva murmuro

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*
Aprile
alportas zefir'
etajn pluvojn de norde.
Tiktakado per inspir'
pelas al sopir'.

Pluvgutoj
tamburas teron
per delikataj frapoj
alvokas vivan veron,
bonan esperon.

La murmur'
de pluvo eta
vekas plantaĵojn per verd',
al vigliĝo vegeta
kun forto preta.

La ŝosoj
en pluva duŝ-ban'
jen strebas sin etendi
kun kap' de verda satan',
ha, kiel infan'.

Sur herboj
pendas malalte
akvaj perloj de pluvo,
kaj faladas senhalte
sur teron salte.

Pluvakvo
de la tegmento
gutadas sur balkonon
kun nebula prezento
en friska vento.

Endome
la juna paro
kveras kiel pluveto
murmuranta en falo
kun jovialo.



## Jadranka Miric (Serbujo)



### Azeno kaj Hundo

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Jen, Azen
povra, ŝarĝita
proksime de drinkejo.
“Mi estas forgesita
kaj fi ligita.”

Laciĝis
ĝi pro multhora
atendado. Nenie
vidiĝas mastrovipo ora
nek ĉapplumora.

Hundeto
foje ludadis
kun ĉarma knabin’. Bojis
ĝi laŭte, ĉiam ĝoje
post ŝi survoje .

La knabin’
tuŝis tenere
ĝin. “Kia karesado”.
Ekblekis ĝi kolere.
Fortas blek’ . Vere.

Aŭdante,
la mastro, blekon
skuiĝis, tuj kuranta
al la Azeno “Kion
mi vidas? Vipon!”

Kriaĉis
mastro batante
la Azenon. Hundeto
bojis “Fuĝu tuj, kante
ja, sin savante!”

“Jen, Azen’
pli gravas al vi
fariĝi libera ol
esti fidela al ĉi
tiu mastro, fi!”

### Luno

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Flava Lun’
Jen, aperanta
Okulsignis al steloj.
Teron ĝi salutanta
Kaj min lumanta.

Magia
Forto de lumo
Kaŝas en Juna Luno.
De post ritualumo
Lunapafumo.

Ĉiele
Ĝi brilas ride
Nian vojon lumigas.
Pasas mi anaside
Lin, vidalvide.

Lumturo
Ĉiela, bluas
En frua sunleviĝo.
Sed somere ĝi ardas,
Subire flamas.

Ho, Luno,
Amotrezoron
Vi gardas tutsilente
Kaj savas mian koron
En dolĉan horon!

### Luno makulita

Aperis
lun’ makulita.

Ĉe marbordo vi kaj mi.
Bildo kore pentrita.
Ame tajlita.

Sekretojn
gardas fidele.
Lun’ ĉiam akompanas
nin lumigante hele,
lunomiele.

Jen nuboj
kovris senfinon.
Apenaŭ vidiĝas Lun’.
Ho, mi sentis admiron
en vian sinon.

Malhelo
timas min forte.
Tie loĝas feinoj
sur la voj’ kosmokorte.
ve, ŝanĝosorte.

Mistera
kosmo gardanto
dormigas la infanojn.
kun Luno vojaĝanto.
Luna lulkanto.

**Sopir-al-sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).*

## Boris Iŝkov

# Mi rememoras infanecon

**Bapto**

Mi rememoras infanecon. Miaj gepatroj loĝis en urbo Ĉerepovec, laboris en metalurgia uzino. Do mi estis urba knabo. Sed parte mi ankaŭ estis la vilaĝa. Ĉar en ĉiu somero gepatroj forveturigis min al avino en Kurskan regionon.

Kaj mia plej unua kaj plej hela rememoro estas ligita kun vilaĝo.

En unu suna tago onklo, kiu loĝis kun avino, sidigis min antaŭ si sur framon de biciklo, kaj ni veturis, kiel li diris, al cirko. Estas hela suno, vilaĝa vojo kaj volupta veturo por malgranda knabo per biciklo. Uĥ!

Sekva bildo jam estas en preĝejo. Homoj preskaŭ ne estis. Granda viro, kiu mirigis min pro sia granda vesto, paŝadis en centro de “cirko”. Mi tiam estis certa, ke tio estas cirko. Mi ne scias, ke mi en tiu aĝo sciis el rakontoj de plenaĝuloj pri cirko, sed mi esperis ekvidi ion helan. Sed ĉi tie estis preskaŭ krepusko post hela suna lumo de tago. Forte kriis bebo, kiun ĵus la viro ne atentante ĝemojn de la bebo banis en iu stranga pelvo. Timigitaj kaj tumultemaj virinoj envolvis la bebon per viŝtukoj. Kaj ankaŭ al mi ne plaĉis vizaĝo de la viro. Ĝi estis tre dika, kaj ĉefe mi ne memoras liajn okulojn. Mi eĉ nun memoras okulojn de mia onklo, de la virinoj, eĉ de la bebo, sed liajn okulojn ne memoras.

Poste ni veturis al hejmo. Hela suno lumis, vojo impete kuris sub radoj. Ni veturis preter tritikaj kampoj, preter arbaroj, preter kabanoj kun florbedoj, preter bovidoj kaj kaproj, kiujn oni alligis en herbejoj… Mi, tenante sin al direktilo per manetoj, balanciĝis per tuta mia korpo rekten, volante, ke biciklo pli rapide veturu, kaj kriis:

– Uĥ, uĥ…

Tiun “uĥ-uĥ” onklo poste ofte rememoris al mi. Sed kiel oni baptis min, mi ne memoras.

**Maro**

Sekva hela rememoro el infaneco estas ligita kun Nigra maro. Mi kaj panjo ripozis ĉe onklino en urbo Novorossijsk. Tage ni ĝuis sub suno sur sabla plaĝo. Mi ofte enkuris en akvon por ke baniĝi. Baldaŭ mi ekhavis amikojn, aĝo de kiuj estis nemulte pli multa ol la mia. Ili jam scipovis naĝi kaj instruis al mi

komence subakvigi vizaĝon kaj malfermi okulojn kaj poste plonĝi. Certe ĉi ĉio okazis sur profundo, kiu estis ne multe ol profundo je mia brusto. Panjo atente observis min kaj per voĉo gardis min, ke mi ne foriru de bordo, sed ŝi ne malhelpis infanajn ludojn. Baldaŭ mi po kelkaj minutoj iris fleksiĝante kaj subakvigante vizaĝon, mi fiksrigardis ŝtonetojn kaj konkojn sur fundo. Mi kolektis ilin kaj alportis al panjo rakontante, kie kaj kiel mi levis ilin.

Apude estis tureto por plonĝo. Al ĝi kondukis tabula vojeto kun balustrado. Tureto estis trietaĝa. Plej malsupra placeto estis ne malproksime de bordo, kaj miaj amikoj kuris al ĝi, plonĝis kaj elnaĝis al bordo, kie mi atendis ilin kaj ĝojis pro ili. Knaboj plonĝante petolis kiel povis, en bordo priparolis siajn saltojn kun rido. Mi ankaŭ komunikis miajn impresojn. Mi ankaŭ volis al tureto. Sed panjo ne permesis. Sur tureto estis multaj infanojn, kaj ŝi timis, ke mi en tiu amaso falos en akvon. Sed mi ne scipovis naĝi. Mi estis ankoraŭ malgranda. Sekva placeto por saltoj estis pli alta kaj pli malproksima de bordo. De sur ĝi saltis junuloj kaj junulinoj kaj plenaĝuloj. Sed de sur plej alta kaj plej malproksima placeto ĝenerale malofte iu saltis en akvon. Kiam tiaj kuraĝuloj troviĝis, tuta plaĝo atentis ilin kaj observis salton. Mi bone memoras, ke plej ofte tie aperis unu junulo kaj junulino kaj ĝojigis ripozantojn per diversaj sinkronaj saltoj. Kaj nun ferminte okulojn mi vidas, kiel ili finante belan flugon enpuŝiĝas per manplatoj en akvon! Kaj poste ridetante unu la alian ili revenas laŭ vojeto al bordo.

Jam post sufiĉe longa tempo ĉe maro mi persvadis panjon konduki min al tureto por ke ekvidi de ĝi supraĵon de akvo sube. Ni eĉ leviĝis al plej alta placeto. Tiel estis bonege! Kaj nemulte timige! Sur meza placeto mi persvadis panjon eksidi kaj ekrigardi, kiel plonĝantoj forflugas suben. Al mi tre plaĉis, kiel ili jam en akvo en ĉirkaŭumo de vezikoj elakviĝis al supraĵo kaj elplonĝis ridinde skuante kapon. Kiel mi poste persvadis panjon ellasi min al tiu ŝatata loko, mi ne memoras. Sed iufoje mi sidis apud balustrado sur dua placeto de tureto kaj, kun pulsante koreto, observis tiujn, kiujn tiel bonege ĵetis sin al travidebla, ĝis fundo, verda-blua akvo de maro!

Tiu tago estis por mia onklino libertago, kaj ŝi aliĝis al ni. Panjo kaj onklino konstante parolis pri io, kaj mi ree persvadis panjon ellasi min al tureto. Baldaŭ sur la tureto aperis kompanio de junaj viroj. Ili kun plezuro, kiun ili esprimis per laŭtaj krioj, plonĝis en akvon. Ili verŝajne estis nemulte ebriaj. Mi en unu momento decidis reveni al bordo. Mi leviĝis por ke foriri, sed unu viro el la kompanio subite ekzorgis pri mia sendanĝero. Li decidis sendanĝerigi min apud rando de saltotabulo. Sed li iel nelerte kun tiu deziro impetis al mi, ke li mem falis en akvon kaj faligis min.

Kiel mi falis en akvon, mi ne memoras. Mi memoras, ke en akvo mi, levinte rigardon, ekvidis tra hele verda akvo sunon kaj baraktantajn gambojn de naĝantoj apud supraĵo. Iel facile mi impetis supren, mi kiel kuglo ĵetis sin el akvo, mi naĝis al bordo kun penso pli rapide atingi ĝin, ĝis kiam panjo ne ekvidis okazaĵon. Mi ne konsciis en tiu momento, ke mi naĝis. Sed jam apud bordo admiro tiel ĉirkaŭkaptis min, ke mi laŭlitere eksplodis pro superplenigantaj min sentoj. Mi kuris al panjo kaj kriis al ŝi rakontante la tutan historion: kiel mi okazis en maro, kiel ekvidis supraĵon, kiel ĵetis sin al ĝi kaj elnaĝis ne al ŝtupareto, kiu estis apud placeto, sed al bordo, al panjo! Mi kriis al ŝi, kiel mi faris tion! Tiel okazis, ke panjo kaj onklino dum interparolo ne vidis tiun momenton, nun mi diras, de mia triumfo. Ili redemandis al mi, kiel ĉio okazis. Kaj mi rigardis okulojn de panjo kaj furioze kriis, kiel mi…! Mi enkuris en akvon, tranaĝis kelkajn metrojn, alkuris al ili kaj rakontis, rakontis! Mi memoras, ke okuloj de panjo

lumis per ĝojo kaj maltrankvilo. Ŝajnas al mi, ke ŝi penis ekvidi ankaŭ ion en mi.

Mi ellernis naĝi. Kaj verŝajne tio estis unua sento de eŭforio, kiun mi sentis pro komunikiĝo kun naturo.

**Anteno**

Tio jam estas urba bildo. Mi estas knabo, mia aĝo estas ses jaroj.

En korto de kvinetaĝaj domoj "de stalina tempo" mi kaj amiko balanciĝis sur balanciloj. Estis printempo, kiam nur komencis kreski unuaj herboj. Estis flakoj, malpuraj vojoj kaj trotuaroj, malseka, malhele bruna tero de gazonoj kun pasintjaraj herboj, folioj kaj balaaĵoj. Arboj estis nudaj kun kripla tondo, por ke ili ne kreskos ĝis dratoj de strata lumigo. Sed hele lumis suno! Ĝi varmigas vizaĝon, ludis per rebriloj en flakoj kaj fenestroj. Birdoj tumulte flugis kaj plenigis printempan aeron per pepado. Kaj homoj kun plezuro okupis sin pri aferoj ĉirkaŭ sia domo.

Unu el fenestroj de domo estis malfermita, el ĝi al spaco de korto atingis gaja melodio: "…Eĥ feltbotoj, feltbotoj". Dum sonoj de tiu kanto du viroj provis instali televidan antenon. En tiu tempo televido nur komencis aperi en domoj de urbanoj. Starigo de televidilo kaj instalo de anteno por ĝi estis aparte agrabla okupo. Tio estis preskaŭ festo. Jen ĝi okazis dum nia ĉeesto.

Levinte kapojn supren ni observis, kiel unu el la viroj aperinte sur tegmento lerte mallevis draton al malfermita fenestro. Alia viro kaptis ĝin, entiris ĝin al loĝejo kaj baldaŭ kriis al kamarado, ke li malleviĝu en domon. Li proponis festi bonan proceson de instalo al televido. La viroj drinkis dum tiu laboro. Ja festo!

Post ioma tempo la viroj jam aperis sur tegmento. Sekvoj de drinkado estis evidentaj. Ili konstante gajis, eĉ petolis. Aperinte kun ridego el luko ili komencis instali tie antenon. Ĝi estis metala vergo kun drataj balailoj al du flankoj. Tiam tiaj estis konstruoj por kaptado de eteraj ondoj.

Mi devas diri, ke domoj "de stalina tempo" havas tre altaj plafonoj. Konforme tiu kvinetaĝa domo estis pli alte ol modernaj kvinetaĝaj domoj. Ankaŭ tegmento de la domo havas krutajn



*Ilustraĵo de Tatjana Ĥomjakova*

deklivojn. Sur la tegmento estas super ĉiu enirejo dometoj kun lukoj, de rando de tegmento ĝis firsto laŭ la dometoj estas lignaj ŝtuparetoj. Laŭ kornico estas baraĵo el metalaj vergoj. Sed tamen esti sur tia tegmento danĝere. Kiam ni, knaboj, observis facilajn moviĝojn de la homoj, nia spiro eĉ haltis. Ŝnurdancistoj en cirko ne tiel impresas pro danĝero de artifiko, kiel estis en tiu okazo.

Fine ili alnajlis antenon al angulo de dometo kun luko, balailoj de anteno ridinde disŝoviĝis en bluo de ĉielo. Unu el la viroj restis aligi al malgranda tureto draton, laŭ kiu malproksima signalo devas flui al televidilo kaj ĝojigi per vivaj bildoj posedantojn de televidilo. Jam eĉ ni, malgrandaj knaboj, sciis pro plenaĝuloj pri malsimpla televidila konstruo. Mi kaj kamarado fantaziis, kiel tiuj signaloj flugas, implikiĝas en elstarantaj dratoj kaj, kaptitaj per dratoj, kiel vermeto enrampas en televidilon, lumigante ĝian lampojn. Ni per manoj demonstris ĉi ĉion unu la alian, sed

dum tio preskaŭ konstante rigardis la homojn sur tegmento.

Kaj jen en unu momento viro, kiu malleviĝis laŭ sxtupareto, ekbalanciĝis, falis kaj glitis malsupren. Glitinte per pugo laŭ deklivo de tegmento li enkroĉiĉis al baraĵo kaj sidiĝis malsupreniginte de rando de tegmento piedojn. Li sidis kaj blasfemis turninte malantaŭen al amiko kapon. Lia kamarado ekaŭdinte blasfemaĵojn rerigardis. Li ankaŭ kriis ion, lasis fiksi draton kaj ĵetis sin por helpo. Ĉar li estis ebria kaj ĵetis sin ne konsiderinte danĝeron, li ankaŭ falis kaj glitis per ventro malsupren. Li glitis preter kamarado. Nun jam alia homo, ĉesinte teni sin al baraĵo, etendis manojn por ke kapti tiun nelertan savinton. Post du sekundoj ili enkroĉiĝinte unu la alian glitis inter baraĵoj kaj falis malsupren. Ilia flugo finiĝis per laŭta frapo je malseka tero de gazono sub fenestroj.

Ŝajnis, en momento de flugo tuta mondo mallaŭtiĝis. Malaperis muziko, pepo de paseroj, sonoj de strato. Tial tia laŭta estis sono de falo de korpoj. Desaltinte de balanciloj mi alkuris al falintoj. Ili kuŝis, forte ĉirkaŭprenante unu la alian sur flankoj per vizaĝoj malsupren. Kiam mi ekploris kaj volis voki iun por helpo, ili al mia ĝojo ekmoviĝis kaj komencis stariĝi. Mi tra larmoj vidis, kiel komike ili tion faris. Ĉiu kamarado penis pli multe helpi al amiko, kontrolis lian sendifektecon, pridemandis pri farto. Ili tamen stariĝis, ĉirkaŭprenis unu la alian je ŝultroj kaj iris al enirejo. Unu el ili, kiu falis sur tegmento unue, rerigardis al mi kaj haltigis amikon. Ili rigardis min per vizaĝoj, kiuj estis ĉe unu homo de dekstra flanko kaj ĉe la alia de maldekstra flanko brunaj pro koto. Tiel ili enpremiĝis en teron… Kaj ili ridetis!

– Diru al onkloj: “U-u, aj-jaj-jaj! Tiel ne faru!” – diris la unu esprimplene balancante fingron kaj montrante per la fingro al tegmento.

– Ĉu vi ŝatis futbalon? – la alia demandis.

– Aha.

– Jen morgaŭ niaj futbalistoj ludos. Venu rigardi, – li diris per ordona tono kaj palpebrumis tuj sulkinte pro doloro vizaĝon.

Apogante unu la alian, ĝemante kaj interparolante ili eniris en enirejon. Baldaŭ jam el malfermita fenestro aŭdiĝis laŭtan kantadon: “…Sub flugilo de aviadilo pri io kantas…” Festo!

Jes, starigi antenon kaj instali televidon en tiuj jaroj estis feste.

En kelkajn jarojn, dum mi loĝis en la domo, tiuj viroj dum renkontiĝo konspirante palpebrumis al mi. Mi por tuta vivo memorfiksis la printempan tagon de veno de televido en nian korton. Tiu mallonga interparolado kun ili iĝis unua interparolado, kiun mi laŭvorte memorfiksis por tuta vivo.

Post multaj jaroj televido montris pantomimojn de trupo de Polunin. Vidante iliajn poduone farbitajn nigra-blankajn vizaĝojn aŭ aŭdane faman frazon “Ne faru! Aj-jaj-jaj!” mi ĉiam rememoris tiun epizodon de infaneco.

*Esperantigis*

**Igorj Ĥomjakov**

**(Rusio)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, St. Wujiang, Jiangbei-Distrikto,
Chongqing, 400023, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ http://gazetejo.org/eo/penseo
_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_